5-a jaro. — N-ro 8 (56). Junio 1913.

# BELGA ESPERANTISTO

MONATA REVUO

*Oficiala Organo de la Belga Ligo Esperantista*




REDAKCIA PARTO :
**Oscar VAN SCHOOR**

ADMINISTRACIA PARTO :
**Frans SCHOOFS**



***UNU NUMERO : Fr. 0.40 = Sm. 0.16***

BELGA ESPERANTISTO
VONDELSTRAAT, 20, ANTVERPENO (BELGUJO).
— 1913 —

5-a JARO. JUNIO 1913. 8a NUMERO (56)

# BELGA ESPERANTISTO


MONATA REVUO


*Oficiala organo de la Belga Ligo Esperantista*

| Redakcia parto : | Administracia parto : |
| --- | --- |
| OSCAR VAN SCHOOR | FRANS SCHOOFS |

*Oni sendu ĉion kio rilatas ĉu la Redakcion, ĉu la Administracion al la adreso : Belga Esperantisto, Vondelstraat, 20, Antwerpen.*

*Nepresitajn manuskriptojn oni ne resendas. — La Redakcio konservas por si la rajton korekti laŭbezone la manuskriptojn.*

## NIA 5a BELGA KONGRESO

### SPA, 11-12 MAJO 1913

« La 5a Belga kongreso estas pasinta afero ! » tiel skribis Angla partopreninto en la memoraĵlibreto de kongresanino. Kaj en tiuj vortoj kuŝis bedaŭro, la sama kiun oni sentas post ĉiuj okazaĵoj forflugintaj kiuj dum tempo tro mallonga kaŭzis al ni nur ĝojon kaj feliĉon. Kaj tiu bedaŭro kuŝas nedubeble en la koro de ĉiuj gekongresanoj. Ili pace kaj amike kunvenadis, ĉerpante novajn fortojn, novan kuraĝon en tiu granda gefrata festo, kies sukceso estas pli ol kontentiga. Kaj nun, kun ĝojo iom melankolia, ili repensas pri la du bonegaj tagoj.

Dum pluvegado superakvega la plej kuraĝaj jam alvenis sabate. Afable ilin atendis en la Akceptejo, kafejo apud la stacidomo, S-ino Borckmans kaj S-ro Desonay, kaj ni povas nur esprimi laŭdojn pri la aranĝoj por la loĝado.

Dimanĉe matene brilis la suno, la suno de l'espero kaj sukceso ! La Akceptejo estis denove la rendevuejo. Ĉiuj vagonaroj alkondukis novajn partoprenantojn. Baldaŭ ili superis 150. Sekvantare ili aliris al la Kursaal, kie, en luksa salonego, oficiale ilin akceptis la urbestraro. La Skabeno pri publika instruado, S-ro Maes, esprimis afablan bonvenan saluton. Li diris kiom la banurbo Spa, en kiu kunvenas somere loĝantaro tute kosmopolita, povas pli bone ol iu ajn alia taksi la utilecon de lingvo internacia.

Nia kara prezidanto de la Belga Ligo, S-ro Witteryck, dankis la Skabenon per belega parolado propaganda, en kiu li ĉefe montris la skeptikecon kiu akceptis en ĉiuj tempoj la plej grandajn, la plej utilajn elpensaĵojn, kiuj post multaj malfacilaĵoj, fariĝis bonfaroj netakseblaj por la tuta homaro. Kaj la nunaj generacioj ĝuas iliajn profitojn. Same estos por Esperanto. Malgraŭ ĉiuj kontraŭstaroj ĝi sin altrudos al la mondo, kaj la posteularo mire al si demandos kiel estus eble vivi sen tiu altvalora komunikulo.

Post tiu bela alparolo, per varmaj aplaŭdoj akceptita, la honorvino ŝaŭmis en la glasoj. La aŭtoritatuloj forlasis la kunvenejon, kaj en la sama loko tuj malfermiĝis la ĉiujara ĝenerala kunveno de la Belga Ligo Esperantista (je proksimume 11 1/2 h.).

Post tiu ĉi raporto, B. E. enpresas entute la malferman paroladon de la prezidanto, S-ro Witteryck, en kiu, post diversaj dankesprimoj, li montras la agadon de la Ligo dum la pasinta jaro, ĝian celon por la jaro komenciĝanta, kaj deziras ke la nuna kongreso estu plej agrabla kaj fruktodona.

La sekretario, S-ro Champy, legas la protokolon pri la antaŭa ĝenerala kunveno, okazinta en Gent, la 26an de Majo 1912. Ĝi estas sen rimarkoj aprobata. Poste li legas raporton pri la movado en Belgujo dum la jaro 1912-1913 : tri novaj grupoj estis starigitaj, en la jam ekzistintaj la kursoj daŭriĝis kun bona rezultato ; ni devas danki diversajn aŭtoritatojn pri ilia helpo financa kaj morala ; se kelkaj samideanoj forlasis la movadon, tio ne haltigis ĝian kreskadon, ĉar ĝiaj radikoj estas vivaj. En Gento naskiĝis nova gazeto por la propagando en tiu urbo. En Charleroi aperis propagandilo por la komerco kaj industrio. Hodiaŭ ni decidos pri plibonigoj en nia regularo kaj ni ĉerpos en la nuna kongreso novajn fortojn por daŭrigi nian agadon.

S-ro Witteryck dankas la sekretarion pro lia bela raporto kaj alvokas al la estrara tablo la sindonajn organizintojn de la Spa'a kongreso : gesinjorojn Borckmans kaj S-ron Desonay.

La prezidanto legas leteron de D-ro Zamenhof. Nia kara Majstro sendas al la 5a Belga kongreso sian koran saluton kaj bondezirojn por ĝia sukceso, kaj esperas ke ĝi estos tiel fruktodona kiel la kvar antaŭaj.

La prezidanto ricevis senkulpigajn leterojn de S-roj Generalo Sebert kaj Ferter (Paris), Mathieux (Bruselo), Van Peteghem kaj Van de Velde (Meĥleno) kaj Dervaux (Caprycke). Kelkaj Bruganoj petis ke li senkulpigu ilian foreston pro kaŭzo de la Brugaj festoj.

S-ro Witteryck proponas ke oni sendu telegramon al S-ro Finet, « nia fervora amiko », por esprimi la bedaŭron de la kongresanoj pri lia malsano kaj bondezirojn por lia resaniĝo.

S-ro Mathieux, kasisto, sendis raporton pri la kaso ; la vicprezidanto, S-ro Delvaux, ĝin legas. La financa stato de la Ligo estas kontentiga, nia havo nun valoras proksimume 550 fr.; ĝi permesos starigi novajn grupojn kaj helpi laŭbezone la ekzistantajn.

Dum oni disdonas al la liganoj la projekton pri ŝanĝoj en la regularo, jam aprobitaj de la komitato, S-ro Witteryck legas leteron de la prezidanto de la grupo de Aĥeno, kiu deziras al la kongresanoj « bonan veteron ». F-ino De Winter faras kolekton por la « soldo ».

La grupo « Suda Lumo », el Antverpeno, sendis kelkajn kontraŭstarojn kontraŭ la ŝanĝoj proponitaj. Oni promesas ilin

pristudi dum la venonta komitatkunveno. La nova regularo estas unuanime akceptita de la ĉeestantoj.

Tiam okazas la baloto por la ses delegitoj de la ĝenerala kunveno. Neniu nova kandidato sin prezentis. Oni disdonas al la liganoj, montrintaj sian voĉrajtan karton, voĉdonilon kun la nomoj de la ses funkciantaj delegitoj. Ĉiuj estas reelektitaj.

La prezidanto faras ankoraŭ kelkajn finajn komunikaĵojn. Li ĵus ricevis, el Genève, telegramon de S-ino Biske, la sindona enkondukintino de Esperanto en Spa. Li sciigas ke la Liga komitato difinis F-inon Posenaer kiel delegitinon de la Belga Ligo ĉe la internacia kongreso en Bern. S-ro Pastro Richardson akceptas la delegitecon de la ligo ĉe la kongreso de U. E. A., ankaŭ okazonta en Bern.

Pri la urbo difinota por la 6a Belga kongreso, oni ĝis nun ne povas preni decidon. Oni povas tamen konjekti ke estos la urbo Meĥleno. Oni lasas al la komitato la zorgon pristudi kaj pridecidi tiun demandon.

La kunsido finiĝis je la 1a.

Post la kunveno la kongresanoj estis fotografitaj en la ĝardeno de la Kursaal. Baldaŭ festeno ilin kunigis en la salono de « Hôtel de Versailles ». La Skabeno, S-ro Maes, ĝin honoris per sia ĉeesto. La salono estis bele ornamita per Esperantaj insignoj, kaj, kvankam la manĝaĵoj ne estis laŭ la gusto de ĉiuj, kora gajeco senĉese regis inter la kunmanĝantoj. Multaj elokventaj tostoj estis elparolitaj.

La unuan faris la prezidanto de la Ligo, S-ro Witteryck : «Kvankam kiel fervoraj Esperantistoj ni deziras rompi la obstinajn barojn de la diverslingveco, kaj kvankam el kiu ajn lando ni estas, ni ĉiuj faras en konsento grandan rondon familian kies estro estas nia kara Majstro, ni ne povas forgesi niajn naciajn devojn, kiuj estas ami kaj respekti nian reĝon Alberton kaj la reĝan familion. Kiel bonaj patriotoj ni trinku je ilia sano kaj kriu : Vivu Belgujo ! Vivu nia reĝo Alberto ! »

Telegramoj estas tuj senditaj al la Reĝo Alberto kaj al D-ro Zamenhof.

S-ro D-ro Dupont dankas la estraron de la urbo Spa, kiu tiel gasteme akceptis la kongresanojn. » Ĝia unua magistrato, S-ro B-no de Crawhez, akceptis la honoran prezidantecon de la nuna kongreso, la skabenoj estas tre favoraj al Esperanto, la konsilantaro donis helpmonon por la kongreso. Tio estas por ni potenca kuraĝigo. La skabeno, S-ro Maes, partoprenas la nunan festenon. Mi petas ke ili ĉiuj akceptu nian dankon. » S-ro Dupont ankoraŭ rememorigas ke Spa dum la somero prezentas veran internacian aspekton, fariĝas kosmopolita restadejo, do estas taŭga medio por la propagando kaj kreskado de internacia interkomprenilo. Li trinkas je la sano de la estraro de Spa, la perlo de l'Ardenoj.

S-ro Skabeno Maes, en franca lingvo, petas la ĉeestantojn senkulpigi la urbestron, S-ron B-non Joseph de Crawhez, kiu pro aliaj devoj estis malhelpita ĉeesti ĉi tiun festenon. Li dankas S-ron Dupont pro liaj afablaj vortoj kaj trinkas je la sano de nia kara Majstro. « Estas nomo kara al ĉiuj Esperantistoj, la nomo de D-ro Zamenhof. Estas ĉefe al li ke ni ŝuldas tiun verkon de interpopola frateco, al li, la kreinto, en kiu mi salutas grandan pacamanton kaj noblan koron (un grand pacifiste et un grand cœur). »

S-ro Delvaux, vic-prezidanto, sin franclingve turnas al la ĵurnalistaro. « Neniu potenco estas egala al ĝia. La gazetaro kreas la publikan opinion kaj submetas al sia agado la disvastigon de ĉiu ideo. Nia entrepreno havas altan celon : ĝi donas al la popoloj komunan lingvon, por ke ili interkompreniĝu, kia ajn estu iliaj naciaj idiomoj. Ĉu tio ne kunhelpas al la mondpaco ? Esperanto forigas la malfacilaĵojn en la komercaj interrilatoj ; nia movado havas do ĝeneralan utilecon. Ni preparis la vojon ; al vi, Sinjoroj ĵurnalistoj, la tasko helpi nin per la presigo de niaj artikoletoj ; vi povas konigi niajn progresojn, kaj doni konfidon al iiuj kiuj hezitas. Ni montris en niaj kongresoj ke nia lingvo estas lingvo vivanta, ke ĝi estas parolebla. » S-ro Delvaux alvokas la bonvolemon de la tuta Belga gazetistaro, kaj esprimas sian dankon al tiuj kiuj ne atendis tiun alvokon, precipe al la Spa' aj ĵurnalistoj kiuj tiom multe faris por konigi Esperanton en la bela Ardenurbo.

S-ro Couvreur, redaktoro de la «Saison de Spa», per mallongaj sed koraj vortoj, dankas S-ron Delvaux je la nomo de la Spa 'aj gazetistoj.

Je la sama okazo, (se mi bone rememoras), iu samideano faris toston al nia Belga Esperanta ĵurnalo, tiel utila por nia movado en Belgujo, kaj laŭdis la agemecon de ĝia sindona Ĉefredaktoro, kiu, spite siaj multnombraj profesiaj okupoj, ŝparas nek tempon nek penon por ke nia nacia organo restu inda je sia celo.

S-ro Pastro Richardson, vic-prezidanto de B. L., elparolis koran toston al la fremdlandaj gastoj « Nia bela komuna lingvo estas ora ligilo. Per ĝi ĉiuj homoj iĝos fratoj super la efemeraj diferencoj naciaj kaj rasaj. Nia devizo estu: «Homo, estu homa », kaj ni ekkriu kun la poeto : « Homo mi estas. » Mi altigas mian glason kaj trinkas je la sano de la fremdlandaj samideanoj kiuj faris la vojaĝon por ĉeesti nian kongreson ».

S-ro D-ro Popp, direktoro de la Agrikultura Prova Stacio en Oldenburg, dankis S-ron Richardson je la nomo de la alilandŭloj. «Esperanto estas precipe por la eksterlandanoj tre grava afero. Antaŭ kelkaj tagoj en Bruselo mi rimarkis tiel grandajn malfacilaĵojn por interkomuniki kun alilandanoj ke mi miras ke ne la tuta mondo parolas nian lingvon. Mi dankas la Belgajn gefratojn pro ilia bona akcepto. Esperanto estas vera ligilo inter la popoloj. Ni ne estas fremduloj tie ĉi, ni estas fratoj. Ni Germanoj

ne povas fari multajn vortojn, sed tio kion ni diras estas en nia koro. Ankaŭ je la nomo de la aliaj alilanduloj, mi trinkas je la sano de la Belgaj Esperantistoj. »

S-ro Hagon, el Sheffield, ankaŭ esprimas dankvortojn. « Mi ĉie trovis amikojn. Mi devas dankegi vin. Tiu ĉi estas mia unua vojaĝo ekster mia lando. Komence mi estis surprizita, mi estis kvazaŭ surdulo kaj devis esprimi min per gestoj. Sed ĉi tie mi estas en mia propra hejmo. »

Rusa samideano ankaŭ petas la parolvicon. « S-ro Richardson skribis ke mi devis iri al Spa. Hieraŭ mi estis ankoraŭ en Parizo, mi faris miraklon por saluti la 5an Belgan kongreson. Tiu tago estas la plej bela en mia vivo. Ĝi estas la unua fojo ke mi ĉeestas kongreson. Mi naskiĝis en la urbo de nia kara Majstro. » Nun la oratoro, per elokventaj, entuziasmaj vortoj, laŭdas D-ron Zamenhof, kiu, malriĉa lernanto, elspezis sian monon por ellabori sian lingvon. Li finas per bela alegorio, kies vortriĉecon kaj fluecon mi bedaŭrinde ne povis noti.

S-ro Albert Maertens, honora prezidanto de la Genta grupo, faras toston al la kongresanoj, kaj speciale al la sinjorinoj. « Mi estas feliĉa vidi la gekongresanojn ĉeestantajn tiel multnombre tiun ĉi kongreson. Tiu estas pruvo de ilia sindonemo, kaj bonega maniero por danki la gespa' anojn kiuj ne nur montris ke Spa estas admirinda urbo, sed ankaŭ ke ĝi estas urbo kie la scienco okupas honorlokon. Ni certe ŝuldas dankon al Zamenhof, sed restas ankoraŭ multe por fari, precipe al niaj Esperantaj fratinoj. Oni ofte diras ke la virinoj estas la malforta sekso, mi opinias male. Okazis ja mirindaj faktoj, faritaj de virinoj ; ni pensu nur pri la princino d'Epernay kaj Jeanne d'Arc. Ĉu estas viroj pli kuraĝaj ? Ni bezonas vian helpon, miaj karaj fratinoj. Vi havas kiel ni la kuraĝon, la persistecon, sed vi ankaŭ havas virinan koron je kiu neniu kontraŭstaras. Helpu nin. Tio estos la triumfo de Esperanto kaj per ĝi la triumfo de la paco ».

S-ro D-ro Van der Biest dankas la organizan komitaton : « Post tiom da tostoj kaj tiom da glasoj da vino eltrinkitaj, bonvolu aŭskulti kun nobla pacienco lastan tosteton. Ni farus krimon forlasante tiun kunvenon ne dankinte, ne gratulinte la lokan organizan komitaton. Ke nia ĉiujara festo tiun ĉi jaron tiel brile sukcesis, tion ni ŝuldas al gesinjoroj Borckmans, S-ro Desonay kaj iliaj helpantoj. Ni ne preterlasu elparoli la nomon de S-ino Biske, kiu enkondukis nian lingvon en Spa kaj nun ĝin disvastigas en Genève. Do, karaj geamikoj, daŭrigu kuraĝe propagandi Esperanton en via ĉarma banejo. Vivu Spa ! »

S-ro Petiau atentigas la kongresanojn pri la Esperanta Semajno-Kongreso okazonta en Gent de la 14a ĝis la 20a de Aŭgusto. «Tiu entrepreno ne estos Genta, ĝi estos Belga. Ĉiuj Belgaj samideanoj aliĝu do al la Esperanta Semajno, kies malalta kotizo estas nur unu Sm. »

Post la festeno la kongresanoj vizitis la Bandomon, kie plej kompleze kaj afable ilin gvidis la Skabeno, S-ro Maes.

Vespere okazis granda festo en la « Théâtre du Casino. » Ĝia sukceso estis plena. La programo konsistis el kantoj kaj monologoj, kaj tri unuaktaj komedioj : *Devo de Reĝo* (Vorstenplicht, de Nestor de Tière, esperantigita de A. Van der Biest), *l' Héritage Klodarec* kaj *Sinjoro Herkules*. Ĉiuj aktoroj amatoroj sukcese plenumis sian taskon. Specialan laŭdon ni ŝuldas tamen al Fraŭlino Hoffmann (la Reĝino) kaj al Sinjoroj Borckmans kaj Desonay. Tiu festo estis vera regalo por la amantoj de la belsona Zamenhofa lingvo.

La morgaŭan tagon la kongresanoj esploris la ravan ĉirkaŭaĵon de la banurbo. Gaja tagmanĝo ilin kunigis apud la lago de Warfaaz. Baldaŭ, ve, eksonis la horo de la disiĝo. Kun vera bedaŭra emocio ili adiaŭis unu la alian post tiuj du belegaj tagoj de amikeco kaj frateco. El ĉiuj brustoj kaj ĉiuj koroj resonis vibranta « Ĝis la revido ! » kiu antaŭvidigis novajn sukcesojn, novajn renkontojn !

21 Majo 13. MARIA POSENAER.

---

## Dokumentaro de la Va Belga Kongreso Esperantista en Spa

### Malferma Parolado de la Prezidanto

*Estimataj kaj karaj Gesamideanoj,*

Oni ĉiam estas feliĉa kiam oni obtenas tion kion oni deziras. Nu, en la nuna cirkonstanco, mia deziro estas plenumata, kaj tial mi tutkore ĝojas.

Mi ĝojas tial ke ni trovas ĉe la Estroj de la Urbo Spa tiun koran simpation, kiun oni nur renkontas ĉe sinceraj amikoj de nia idealo.

Dankon al tiuj altestimataj protektantoj !

Mi ĝojas tial ke ni havas en Spa prosperan grupon, kiu bonege organizis tiun ĉi gravan kongreson.

Mi dankas la spadajn Gesamideanojn kaj precipe Sinjoron Borckmans,, la fervoran Prezidanton, Sinjoron Desonay, la sindonan Sekretarion kaj Sinjorinon Biske, kiu tiel kuraĝplene efektivigis la starigon de la Spada grupo.

Mi ĝojas konstatante ke vi *tiel multenombre* alvenis por pruvi vian fidelecon al nia grava entrepreno.

Dankon al vi, belgaj fervoruloj, kaj dankon ankaŭ al la fremdlandaj amikoj !

Tutkoran bonvenon al ĉiuj vi, pacaj batalantoj, kiuj tie ĉi kunvenis sub la verda standardo, por ĉerpi novan forton, novan kuraĝon !

Estimataj Gesamideanoj, okaze de niaj kongresoj, certe ni povas festi, sed ni ne forgesu ke tio ne estas la ĉefa celo de tiaj

kunvenoj. Ni devas precipe profiti la kongresojn por antaŭenhelpi nian agadon; ni devas serĉi rimedojn por subteni la societojn ekzistantajn kaj por starigi novajn grupojn.

Tion vi povas ne nur dum la nuna ĝenerala kunveno, sed, ja, ankaŭ dum la farotaj ekskursoj.

Lastan jaron mi atentigis vin pri nia propaganda sekcio. Mi petis vian helpon, kaj mia alvoko ne estis vana.

Dum la pasinta sezono ni sukcesis starigi tri novajn grupojn kaj ni preparis la starigon de kelkaj aliaj.

Sekve de parolado kiun mi faris en Eekloo, S-ro Dervaux, el Caprycke, kune kun S-ro Van Acker, el Lembeke, starigis grupojn en Eekloo kaj Caprycke.

Tiu ĉi lasta grupo havas 32 membrojn kaj jam aliĝis al nia Ligo.

Sinjoro Jacobs el Antverpeno faris paroladon en Lier. Ĉiusabate, dum 17 semajnoj, li donis instruadon, kaj kun la helpo de S-ro Leflot, el Lier, kiu lerte subtenis lian penadon, li sukcesis starigi grupon havantan 27 membrojn. Tiu grupo ankaŭ jam aliĝis al nia Ligo.

Je l'nomo de la Ligo mi dankas kaj gratulas la viglajn propagandistojn, kiu starigis tiujn tri novajn grupojn.

Niaj Gentaj amikoj, S-roj Maertens, Sebruyns kaj Petiau, ne ripozis; tion pruvas sufiĉe la mirinda rezultato de ilia propagando kaj la entrepreno de la Esperantisto Semajno-Kongreso.

Grandparte dank'al la klopodoĵ de S-ro Vermandel, jam pli ol cent personoj aliĝis al tiu kongreso, kaj certe ĉiuj belgaj esperantistoj aliĝas, ĉar ĉiuj deziros viziti la mirindan Ekspozicion, kaj sendube ili prefere elektos la tagojn de nia kongreso por fari tiun viziton; ni do povos ĝui tie dum kelkaj tagoj vere internacian vivon.

En Antwerpen, Brussel, Charleroi, Boom, Péruwelz, Verviers, k. t. p. oni ankaŭ efike laboris.

Al ĉiuj tiuj fidelaj kaj fervoraj samideanoj mi esprimas mian sinceran dankon.

Estimataj Gesamideanoj, mi ne povas preterlasi atentigi vin pri la nepra neceseco subteni nian ĵurnalon « Belga Esperantisto»

Ĉiuj belgaj samideanoj devus aboni ĝin, zorge legi ĝin kaj kolekti ĝiajn numerojn. Tio certe estas plej utila por la abonantoj mem, tre necesa por nia agado, kaj kuraĝiga por la sindona redaktoro, Sro Van Schoor, kiu nur deziras ke liaj klopodoj estu kiel eble plej fruktodonaj por nia propagando.

Ni ŝuldas nian dankon al li kaj mi insiste petas vin subteni nian oficialan organon per via propra abono kaj per viaj rekomendaj paroloj.

Mia estimata antaŭulo, la ege bedaŭrata Sro Amatus Vanderbiest, eltrovis, por provizi nian ligan kason, la tre bonan rimedon de la « Soldo de Esperanto »; ni neniam forgesu lokigi la skatolon de la Soldo en niajn kunvenejojn; la gutoj formas

la riverojn, tiel ankaŭ la soldoj formas la kapitalon kiun ni bezonas por la propagandaj kostoj.

Laŭ propono de nia estimata Vicprezidanto, Sro Delvaux, ni aldonis al tio la ĉiujaran dissendon al la grupoj de oferlistoj por laŭvolaj kotizajoj. Mi ege rekomendas al viaj zorgoj tiun novan rimedon kiu jam pruvis sian taŭgecon.

Mi volas ankoraŭ atentigi vin pri la jena punkto : La juĝantaro de la ekzamenoj verkis novan regularon por la ekzamenoj pri simpla kapableco kaj ankaŭ pri profesora kapableco, Tiun regularon oni trovas en la lasta Aprila numero de Belga Esperantisto.

Mi varme rekomendas al vi esplori tiun regularon ĉe viaj kunvenoj kaj admoni la membrojn por ke ili sin prezentu por obteni unu aŭ alian diplomon.

Tio ne estas nur taŭga kuraĝigilo por la lernantoj, sed tio ankoraŭ provizas nin je kapablaj geinstruistoj.

Nia jara ekzameno kutime okazas dum la Aprila monato kaj mi esperas ke la proksiman jaron multaj kandidatoj sin prezentos.

Mi atentigas vin ankoraŭ pri la utileco ĉiam surmeti la verdan steleton ; estas tre bona propagandilo, ĉar tio tre ofte havigas al ni la okazon klarigi kial oni portas tian insignon, kaj tiamaniere diskonigi nian karan lingvon.

Finigante mi petas vin, karaj Geamikoj, parolu, dum la du kongrestagoj, nur la Esperantan lingvon, kiam la cirkonstancoj, pro deco, ne postulas la uzon de nacia lingvo ; tiamaniere vi faras bonan impreson je la neesperantistoj, ĉar vi pruvos la taŭgecon de nia lingvo.

Ke la nuna kongreso estu plej agrabla por ni ĉiuj kaj plej fruktodona por nia movado ! Jen mia tutkora sincera deziro !

---

## Raporto de la Sekretario pri la Esperantista movado en Belgujo, dum la jarperiodo 1912/1913.

*Altestimataj Gesamideanoj.*

Kïal la antaŭj, jaroj, kaj por plenumi la devon altruditan de la regularo, mi havas la honoron raporti al vi pri la nuna stato de nia kara lingvo ĉe nia lando.

Dum la pasinta jarperiodo, nenia tre grava fakto okazis, sed tamen, la disvastigado de Esperanto daŭrigis ĉiuloke favoramaniere.

Le propaganda sekcio, dank'al la klopodoj de S-ro Witteryck, faris bonan laboradon : jam tri novaj grupoj estis starigitaj kaj du petis aliĝon al la Ligo ; en multaj diversaj lokoj, la semo

kreskadas, la nunaj arbetoj baldaŭ fariĝos arboj kiuj produktos maturajn fruktojn.

Pri la organizado de la kursoj, la rezultato estas bona ; ĉe la novfonditaj grupoj la lernantoj estas tre multnombraj.

Ni devas danki la diversajn aŭtoritatojn pro la helpo, morala kaj financa, kiujn ili daŭrigas por esperanto. La presaro ankaŭ, krom are maloftaj esceptoj, montras sin favora al niaj ideoj.

Se kelkaj samideanoj forlasas la movadon, pri tio, nia afero ne haltas kreskadi. Ĝiaj radikaroj estas tiel multnombraj, tiel plenvivaj ke eĉ, se kelkaj el ili estos distranĉitaj, nenio en ĝia vivo ŝanĝus.

Du novaj esperantistaj gazetoj naskiĝis en nia lando. La Gentaj samideanoj fondis lokan ĵurnalon celante propagandi esperanton ĉe ilia urbo kaj altiri la atenton de la vizitantoj de la tiea tutmonda ekspozicio. En Charleroi, la celo de la nova organo estas nur propagandi nian lingvon tra la komerco kaj industrio de la tuta mondo, uzante praktike ĝin por la interrilatoj.

Ni varme aplaŭdas je tiuj iniciativoj kaj deziras al ambaŭ novaj ĵurnaloj, longan kaj prosperan vivon:

Kvankam estis decidita ke niaj Lieĝaj amikoj akceptos nin ĉi tiun jaron, diversaj kialoj malpermesis ilin efektivigi tiun projekton. Estas do la Spadanoj kiuj prenis sur sin tiun gravan taskon kaj ni ne dubas ke ili plenumos ĝin je la plena kontentigo de ĉiuj.

Dum la aŭgusta monato okazos en Gent esperantista semajno, kiu promesas altiri en tiu urbo multnombrajn eksterlandajn samideanojn kiuj kuniĝos tie, por viziti la ekspozicion kaj partopreni la naŭan internacian kongreson de Bern. La kondiĉoj laŭ kiuj okazas tiu kunveno, promesas esti utilaj al nia afero.

Diversloke paroladoj okazis kaj ĉie, la rezultato estis bona. En la nuna stato de la demando, la propagando ne povas esti rapida. La ĉefo estas ke ĝi estu efika, ceteron la tempo kaj nia idaro faros. Al ni la honoron enkonduki la fundamentojn de tiu grava demando,al ĝi la plezuron rikolti la frukton de nia laborado.

Dum la pasinta jaro, la komitato de la Ligo okupas sin, inter aliaj aferoj, revizii kaj plibonigi la regularon de tiu organismo, kaj hodiaŭ vi devos decidi pri la akcepto de proponoj de nova regularo plibonigita.

Se do, gravaj faktoj ne okazis en nia lando, tamen ĉiuflanke la enkonduko de esperanto fariĝis pli efika kaj pli certa. Vane, la malamikoj de nia lingvo elspezos iliajn fortojn por detrui, neniigi, la genian laboradon de nia kara Majstro, sed tiu kreitaĵo estas nun tiel potence enkondukita, tiel diversfake uzata, tiel ŝatata kaj estimata de miloj kaj miloj da adeptoj el ĉiuj lokoj de l' mondo, ke ĝia vivo estas certigata ; ĉiuj klopodoj kontraŭ ĝi sukcesos nur plifortigi tiun belan elpensaĵon, kaj doni al pacaj batalantoj novan forton por daŭrigi, senĉese, la militon kaj certigi

la finan venkon. Sen interpaco nek ripozo, ni laboradu, ni propagandu, ĉiam kaj ĉie, kaj la rezultato ne estas duba.

La ĝenerala Sekretario.
L. CHAMPY.

## Raporto pri la Stato de la Liga Kaso.

*Karaj Gesamideanoj,*

Jen kelkaj sciigoj pri nia nuna financo situacio :

Enkaso : 416,35 fr. Lastan jaron : 438,21 fr.

Ni do ne ŝajnas esti tiom riĉaj kiom antaŭ unu jaro. Tamen en la realeco, nia situacio multe pli leniĝis kaj la ĉi kunaj komparaj detaloj tion montras tre klare :

Tiun ĉi jaron ni jam pagis ĉiujn elspezojn faritajn, dum, aliflanke, ni ne ankoraŭ enkasigis *la grupajn* kotizajojn (1). La kialo de tio estas ke ni atendis ke la nova tarifo, estu akceptata.

Ni do povas antaŭvidi post kelkaj tagoj enspezon da pli ol 120 fr. Tiamaniere nia havo atingos proksimume 550 fr. Tio estas nedubebla kaj kontentiga progreso.

Mi esperas ke, en tiuj kondiĉoj, mia raporto ricevos vian aprobon kaj ke vi ĉiuj helpos min proksimau jaron kiel la nunan por pligrandigi nian ĉies bienon.

Brusela la 10an de Majo 1913.
F. MATHIEUX,
Kasisto.

## BELGA LIGO ESPERANTISTA.

### Etato de la Kaso dum la Jarperiodo 1912-1913

| ENSPEZAJ | 1912-1913 | ELSPEZOJ | 1912-1913 |
|---|---|---|---|
| 1. Lasta Saldo | 438.31 | 1. Korespondaĵoj | 38.70 |
| 2. Kotizaĵoj : | | 2. Sendado de la Bulteno | —.— |
| a) Grupoj | 10.00 | 3. Presaĵoj | 57.— |
| 3. b) Izolitaj membroj | 13.00 | 4. Abonoj al B. E. por Honoraj membroj | 37.50 |
| 4. c) Protektanta membro | 25.00 | | |
| 5. Soldo por Esperanto | 59.49 | 5. Diversaĵoj | 19.50 |
| 6. Ekzameno | —.— | 6. Ekzameno (Juĝantaro) | —.— |
| 7. Donacoj | 23.25 | 7. Kredita Saldo | 416.35 |
| | 569.05 | | 569.05 |

(1) Du grupoj sendis propravole la sian.

# Projekto de protokolo pri la Ĝenerala Kunveno de la Belga Ligo Esperantista.

*Okazinta en Spa, la 11an de majo 1913.*

La kunsido estas malfermata je la 11a 1/4, en la salono de la Kursalo S-ro Witteryck prezidas; ĉirkaŭ la tablo prenas ankaŭ lokon S-roj pastro Richardson kaj Delvaux, vicprezidantoj, Champy, ĝenerala Sekretario. S-ro Mathieux, Kasisto, senkulpiĝis.

La prezidanto petas S-inon Borckmans, prezidantinon, S-ron Desonay, Sekretarion kaj S-ron Borkmans, la tri agemuloj de la loko komitato, preni lokon ĉirkaŭ la tablo.

Li faras tre aplaŭditan malferman paroladon kaj donas la parolvicon al la sekretario por la legado de la protokolo de la lasta ĝenerala kunveno kaj de la raporto pri la agado de la Ligo, dum la lasta jarperiodo. S-ro Delvaux legas la raporton kaj la bilancon de la kasisto. Ĉi ĉiuj raportoj estas aprobataj unuvoĉe; ili estos presataj en la oficiala organo.

La prezidanto legas leteron de D-ro Zamenhof dezirantan plenan sukceson al la Kongreso; li sciigas ankaŭ ke li ricevis leteron de generalo Sebert kaj telegramon de S-ino D-ino Biske, senkulpiĝantajn ne ĉeesti la kongreson. Pro la sama celo li ricevis ankaŭ leterojn de S-oj Van Peteghem kaj Van de Velden, el Meĥleno, kaj Dervaux el Capryke.

La kunvenantaro decidas sendi telegramon al la reĝo Albert, al D-ro Zamenhof kaj al S-ro Finet, prezidanto de la juĝantaro, kies de longatempo malsano malpermesas lin partopreni niajn laboradojn.

La Kvina temo de la tagordo sin rilatas al la aprobo de la ŝanĝoj al la regularo, proponitaj de la komitato.

Antaŭ ol pritrakti tiun temon, la prezidanto sciigas ke li ĵus ricevis leteron de S-ro Jacobs, prezidanto de la grupo Suda Lumo, el Antverpeno, kiu petas ke ĝi estu legata antaŭ la diskutado.

Tiu letero enhavas proteston kontraŭ ĉiuj ajn decidoj kiujn la ĝenerala kunveno povus preni, ĉar laŭ S-ro Jacobs, ĉiuj liganoj, eĉ la neĉeestantoj, devus partopreni la voĉdonadon, laŭ propono de li farita dum la lasta komitata kunveno, sed ne akceptita.

Post la legado du tiu letero, S-ro D-ro Van der Biest, proponas la jenan tagordon unuanime akceptata :

« La Kvina Belga Esperantista Kongreso decidas ke ĝi » havas la rajton regule voĉdoni, kaj aprobi la projekton de » regularo verkitan de la komitato de la Ligo, kaj konfidas » al tiu komitato la zorgon decidi, ĉu estonte, la liganoj povos » transdoni sian voĉrajton al aliaj personoj. »

La projekto de nova teksto de la regularo, kiu estis disdonita al la kongresanoj, estas legata artikolo post artikolo, kaj same, submetita al la voĉdonado.

Alvenante je la fino de la art. 6a, S ro Haine el Bruselo, petas ke oni pristudu ĉu la minimumo da 5 Fk por la kotizaĵo ne povos esti malaltigata ĝis 2,50 Fk. Tiu propono estos esplorata dum komitata kunveno.

Pri la unua paragrafo de la art. 12a, la prezidanto proponas ŝanĝi la lastajn vortojn « *difinita de la ĝenerala kunveno* » per « *difinita de la ligestraro* » ĉar la lastan jaron oni ne povis efektivigi la decidon de la ĝenerala kunveno. Tiu ŝanĝo estas unuvoĉe akceptata, sed estas decidata ke la ligestraro petos la ideojn de la ĝenerala kunveno kaj de la komitato,

Ĉar ĉiuj artikoloj de la nova teksto estas esplorataj kaj aprobataj, la prezidanto submetas al la voĉdono la plenan novan tekston, kiu estas unuvoĉe akceptata.

La prezidanto sciigas ke, kvankam li dissendis cirkuleron petante ke oni konatigu al li la nomojn de la eventualaj novaj kandidatoj por la elekto de la ses delegitoj de la ĝenerala kunveno, li nenion ricevis, Li devas do konsideri ke nur la ses malnovaj delegitoj estas kandidatoj. Tamen, ĉar oni povas opinii ke la nova regularo, jŭs voĉdonita ne jam funkcias, li demandas cŭ nenia alia kandidatureco estas prezentata. Nenia propono estante farita, la voĉdono estas malfermata.

La kunvenantaro elektas kiel elesplorantojn S-rojn Delvaux, vicprezidanto, D-ron Van der Biest, el Antverpeno, Van de Velde el Boom kaj Dusurjet el Charleroi.

La prezidanto proklamas la rezultaton de la voĉdonado per kiu la ses malnovaj delegitoj estas reelektataj.

La prezidanto rememoras ke la komitato elektis F-inon Posenaer kiel delegiton ĉe la Berna Kongreso kaj la kunvenantaro elektas Pastron Richardson kiel delegiton de la Ligo ĉe la kongreso de U. E. A..

Post interŝanĝoj de ideoj pri la elekto de la urbo de la proksima belga kongreso, la prezidanto fermas la kunsidon je la 13a 1/2.

La ĝenerala Sekretario.

L. CHAMPY

---

## Telegramoj.

*A sa Majesté Albert*

*Roi des Belges*

*Bruxelles*

Sire,

Les espérantistes belges et étrangers, réunis à Spa à l'occasion de leur Congrès annuel, présentent à Votre Majesté l'hommage leur plus profond respect et viennent d'acclamer un toast à la prospérité de votre règne.

A. J. WITTERIJCK

Président, habitant Steenbrugge.

*Doktoro Ludoviko Zamenhof*
*Dzika, 9,*
*Warszawa*

La Spadaj kongresanoj prezentas sian respektplenan saluton, trinkante je via feliĉo kaj de Esperanto' Witteryck

*Finet,*
*Constitutiestraat, 121.*
*Antwerpen*

La kvina Belga kongreso sincere bedaŭras vian malsanon kaj tutkore deziras al vi baldaŭan resaniĝon WITTERIJCK

Jen kopio de la respondo de la Reĝo.

*Mr A. J. Witteryck : Président du Congrès*
*annuel des Espérantistes belges et étrangers*
*Steenbrugge*

Le roi, très sensible au toast chaleureusement acclamé, qui lui a été porté au congrès annuelle des espérantistes belges et étrangers m'a chargé de vous en remercier cordialement en son nom ainsi que tous les participants.

*Le chef du cabinet du Roi*

---

## Impresoj pri vojaĝo al Rejno.

Kiu kuraĝis diri ke tera paradizo ne plu ekzistas ? La aŭtentika loko estas certe Godesberg « *am Rhein* ». Kaj tute male la diron ke arkanĝelo terura, plenumante la Dian volon forpelas iun ajn, sur la sojlo de tiu ideala ejo, t. e. la stacidomo, vin atendas, afabla samideano, la U. E. A. delegito, kiu min kondukis en bonega loĝantejo, zorge elektita de alia samideanino. La naturo kaj la Godesbergaj loĝantoj konkuris kune por agrabligi la restadon en tiu loko.

La larĝa, belega riverego kiu fluas inter montemaj bordoj, kies legendaj rakontoj pruvas la poeziajn sentojn de la germanoj, allogas la somervizitantojn promeni en elektramotorŝipegoj. Tiuj kiuj ŝatas muzikon, ĉeestas koncertojn ĉu en « Kurpark » ĉu sur la Burĝruinoj de kie oni ĝuas intensan vidon sur la sepmontoj (Siebengebirge) kies la plej alta estas kvazaŭ giganta piedestalo de la Dragenburg (Drakokastelo).

Zorgita parko en kiu estas disĵetitaj ĉarmaj vilaoj ornamitaj de ĉiaj koloraj floroj. Tiuj kiuj ŝatas sovaĝan naturon promenas en ombroplenajn arbarojn. Tenisa ludo por gejunuloj, riverbanejoj por la banadamantoj, pura aero por ĉiuj, fortikigantakvo por malsanetuloj, unuvorte, kion pli oni povas deziri.

Mi devas aldoni ke la enloĝantoj estas ege afablaj, servemaj... sed... sed... la lingvo ! Jen la nigra punkto. Sen la valora, taŭga helpo de niaj Godeaj samideanoj mi certe ne estus povinta restadi dum ses semajnoj, ĉar la riĉegan germanan lingvon

mi ne konas, kaj en neniaj publikaj servoj oni parolas Esperanton, s d en magazenoj, kie kompreneble mi tuj eniris par aĉeti ion. Oni ne povas sufiĉe gratuli la Godean grupon kies la sin donema, simpatia prezidanto enkondukis tie Esperanton antaŭ 5 jaroj. Mi ĵus alvenis en Godesberg la tagon de la datreveno de tiu starigo, kiun oni festas vespere en la Burg-ruinoj restoracio. Tie mi konatiĝis kun la plejmulto de tiuj grupanoj kiujn mi revidis poste en la ĉarma kunvenejo ĉe Tobb, Koblenz Strato kie oni trinkas tiel bonan ĉokolaton, kaj manĝas superbonegajn kukojn.

Tre apude la stacidomo, Bahnhof Strasse 30, estas la Esp. Oficejo kie oni povas sin provizi je ĉiaj skribilaroj, poŝtkartoj. Godea memoraĵoj K. T. P.

Gesamideanoj, amikoj miaj, iru Godesberg'on ; pri tio, ja vi nenion riproĉos al mi. Baldaŭ, dank, al la klopodoj de Godea grupo kaj precipe de la sindonema laboranta delegito de U. E. A. estos tie Esperanta loĝantejo kaj hotelo, kaj vizitonte Godesberg kaj loĝonte en tiaj domoj vi propagandos Esperanton je la plej granda profito de via propra plezuro kaj kiam vi iros, salutu, je mia nomo, niajn tiel afablajn geamikojn.

Kiu kuraĝos ankoraŭ diri ke tera paradizo ne plu ekzistas kiam ĉiuj tie parolos Esperanton.

Mi devas aldoni ke Godesberg estas ankaŭ taŭga restado por gejunuloj kiuj deziras lerni (aŭ sin perfektigi) en la germanan lingvon. Ili trovos bonegan loĝantejon ĉe gesamideanoj, kies kelkaj estas metiaj lingvaj profesoroj.

Por ĉiuj informoj sin turni al la delegito, S-o Theodor Oster, Burgstrasse 46. Bad Godesberg, Germanujo.

Konsulino M. C. MOREAU
Bruselo.

---

# ESPERANTO KAJ LA ĴURNALOJ

La gazetaro nun estas gran la forto en la mondo. Trovante siajn adeptojn en la popolaro, la gazetaro estas vivdemando. Tio ĉi estas vero ankaŭ por Esperanto : la simpatio aŭ antipatio de l' gazetaro vivigos aŭ mortigos nian movadon.

La venko de l'ĵurnaloj estus triumfo por nia afero. Bedaŭrinde, la ĵurnaloj, aŭ pli ĝuste la ĵurnalistoj plejparte ne estas amikoj de nia kara lingvo.

Sed ni ne venkos la gazetaron per belaj artikoloj pri utileco de Esperanto por la homa kulturo, sed nur per nerefutebla argumento de la fakto, ke Esperanto povas servi ankaŭ la ĵurnalojn per ĝis nun nekonata maniero.

Efektive, jam nun ni povas uzi Esperanton, kiel potencan ilon por la ĵurnaloj, kaj ni devas akcepti ĝin, kiel internacian komprenilon de la tutmonda gazetaro. Nenio povas esti pli facila !

Multaj eksperimentoj de ĵurnal-korespond-oficejo ĝin pruvis. La afero bezonas nur la organizadon.

La plej ĉefa tasko de tiu ĉi oficejo ne estas nur raporti pri Esperanto kaj ĝia movado. Tute ne ! La oficejo devas esti internacia raport informejo pri ĉiuj aferoj, tuŝantaj la internacian vivon en kulturo, politiko, scienco, komerco ktp.

La korespond-oficejo bezonas nur kunlaborantojn, t. e. korespondantojn en diversaj landoj de l'tero, kaj certe multaj gesamideanoj bonvolos helpi nin en tiu ci afero.

Multegan kaj gravegan materialon por la gazetaro ni povas trovi en nia Esperanto mondo. Eble pli malfrue ankaŭ en aliaj landoj fondiĝos similaj oficejoj, kiuj tiam povas interŝanĝi la materialon.

La fakto, ke pliriĉigado de la ĵurnaloj okazos dank' al Esperanto, akiros por ni la simpatiojn de niaj samtempuloj.

Tiamaniere ni servos ne nur al la gazetaro, ne nur al Esperanto, sed ankaŭ kaj precipe al la progreso, reciproka kompreno kaj paco inter la popoloj dividitaj.

Ni do esperas, ke ni trovos eĥon inter sinjoroj redaktoroj de ĉiuj niaj esperantaj ĵurnaloj kaj ĝenerale inter ĉiuj niaj gesamideanoj, kaj ni kredas, ke la unuaj konsentos interŝanĝe sendadi al ni po du ekzemplerojn de siaj organoj, kaj la duaj helpos nian entreprenon per alsendo de diversaj interesaj sciigoj ne nur pri Esperanta movado, sed ankaŭ ĝenerale pri diversaj fakoj de l'moderna internacia vivo : scienca, komerca, arta ktp.

Jen kial ni turnas nin al vi kun tiu ĉi cirkulero !

Atendante vian baldaŭan favoran respondon, ni prezentas al vi nian tutkoran internacian saluton.

Altestime :
Korespond-Oficejo « Esperanto ».
München, (Germanujo) Hofstatt 6,




## 7a CIRKULERO

Nur mallonga tempo disigas nin de la Internacia Esperantista Semajno-Kongreso, al kies organizado ni multajn monatojn nin dediĉas. Multe estas jam efektivigita, sed multe estas ankoraŭ farota.

La nombro de la aliĝintoj ĝojege kreskas ĉiutage, sed ĉiuj, kiuj «intencas» partopreni en la kongreso, ne ankoraŭ enskribigis sin. Al ili ni ripetas alvokon, ke ili ne plu prokrastu aliĝi, por ne senutile kompliki, nian laboron, alvenante lasthore.

La estraro de la Internacia Ekspozicio sendis S-ron Arthur Vermandel kiel sian delegiton, ĉe la VIa Brita Esperantisto Kongreso en Eastbourne, kie li faris kvar paroladojn pri la Esperantista Semajno kaj li varbis grandan nombron da novaj gekongresanoj.

**Literatura kaj desegnaĵa konkurso.** Jen estas nova serio de favorantoj de la konkursoj.

**S-ro Arthur Vermandel** : Sekcio (d)

1° Plie al la jam anoncita premio por propagandasigelmarko : 2a kaj 3a premio.

2° Plie al la jam anoncita premio por kongresmarko : 2a kaj 3a premio. La komitato plie disponas 30 diversajn premiojn.

**S-ro A. J. Witteryck**, Brugge donacis 20 premiojn konsistantojn el libroj, adjugeblaj al la diversaj seksioj de la konkurso.

**Novaj favoroj por la kongresanoj** : La estraro de la « *Malnova Flandro* » speciala antikva kvartalo de la Ekspozicio, decidis ke la kongresanoj havos dum la tuta daŭro de la kongreso 50 °/₀ da rabato sur la enirprezo. Ankaŭ la «Ghent Syndicate », posedanto de l'amuzaĵoj de la Ekspozicio akordos al la kongresanoj rabaton da 25 °/₀, en ĉiuj amuzaĵoj de la Ekspozicio.

**Festoj** : La organiza komitato decidis ke ĉiuj oficialaj festoj estos senpagaj por la aliĝontoj, tamen la kongresanoj, kiuj deziras havi rezervitan sidlokon en la teatro, devos pagi la rajton de unu franko (Sm. 0.400) por ĉiuj festoj aparte. Oni povas jam nun mendi rezervatajn sidlokojn, kunsendante la monon. La teatraj biletoj estos donataj al la kongresanoj en la akceptejo, kune kun la definitiva kongreskarto kaj aliaj dokumentoj.

**Loĝado** : La komitato de la I. E. S. K. interparolis kun la estroj de grandaj hoteloj kaj tiuj sinjoroj promesis fari ĉion eblan por faciligi la restadon de la kongresanoj en Gent kaj transdonos baldaŭ informojn pri siaj prezoj.

**Kunvenoj** : En la 6a cirkulero ni sciigis pri la organizado de fakaj kunsidoj. La definitiva informo estas jena :

En la ĝeneralaj kunvenaj, oni nur povas priparoli la sekvantan temon « kiu estas la plej bonaj rimedoj por propagandi la Esperantan Lingvon » kelkaj paroladistoj jam sin enskribis ; la organiza komitato petas ĉiujn esperantistojn kiuj deziras priparoli tiun temon, ke ili sin enskribu eble plej baldaŭ ĉe la prezidanto de la komitato.

**U. E. A.** : La belgaj membroj de tiu progresema asocio kunvenos en ĝenerala kunveno. —

La komitata kunveno de la Belga Ligo okazos dum la komgreso en Gent.

La propaganda sekcio de la Belga Ligo organizos propagandan kunvenon.

La esperantistaj grupoj aŭ organismoj kiuj intencas organizi specialajn kunvenojn estas petataj sin enskribi eble plej baldaŭ ĉe la prezidanto de la organiza komitato, Gentschestraat, 34, St Amandsberg (Gent).

Atendante la plezuron intersanĝi afablan manpremon de frateco kun siaj ĉiulandaj samideanoj kaj esprimi al ili afablan bonvenan saluton, la organiza komitato sendas al sia tutmonda samideanaro la certigon de sia plena kaj tutkora simpatio.

---

# EL LA VERKARO DE H. CONSCIENCE.

## Fulmotondro super la erikejo.

de H. Conscience

Iafoje ke, en plena soleco, mi vagis sur la erikejo, kaj en mia interno la impresojn de la kvieta naturo kolektis, okazis fulmotondro je la okcidenta horizonto.

Estas io mirinda, ofte io timinda, dum la varmega somero esti sur ebenaĵo, kiam ĉe la senlima ĉielo la fulmŝarĝitaj vaporoj malrapide en uragannuboj kuniĝis. Oni dirus ke morta timo la naturon subite premegas ; la suno paliĝas kaj brilas kun malforta lumo ;

la aero sufokigas kaj mallarĝigas la bruston de la homojn ; la bestoj forkuras kaj kaŝas sin timplene ; la abeloj flugas kiel sagoj tra la spaco por alveni ĉe siaj korboj ; la foliaro de la arboj ripozas, la vento detenas sian elspiraĵon ; la malgrandaj herboj fermas siajn florkalikojn kaj foliojn ; en la plej timinda silento ĉio atendas.... Nepriskribebla sento de timo kaj de respekto premegas la koron de la poeto ; kaj en la mezo de la ĝenerala teruro, ĝojas li en sia animo,tial ke estas permesata al li,rigardadi la teruran naturmirindaĵon en ĝia plena majesteco !

Sed baldaŭ la nuboj spiregante ekŝvebas inter si ; tio kio en kvieteco tie pendis dum tutaj horoj, alkuras nun per sovaĝa kurado ; la uragano muĝas kaj blekegas, kvazaŭ ĝi, de la mano de Dio per potencaj frapoj estis forpeladata, eltiras el la abiarbaroj misteran kriegon de la doloro, levigas nubojn el sablo kaj el folioj kiel turniĝojn en la altecon, rompigas kaj elradikigas la izolajn arbojn. Tiam nur venas la tondro per sia potenca voĉo regi ĉiujn bruojn. — La fulmobrilo ĵetas siajn flamantajn sagpikilojn tra la spaco : la erikejo ŝajnas bruli,ardaj serpentoj elfosas sian ventron.

Akvaj torentoj falas sur la teron ; kaj post la muĝo de la uragano sekvas la unutona malgaja klaketado de la falanta pluvo.

Tiun tagon mia animo estis inklinita por poetaj sensacioj ; kun speciala volupto mi rigardadis la gravan scenon de la febra naturlaboro, ĝis kiam la unuaj fulmobriloj komprenigis min, ke mi devis fari tion kion ĉiu vivanto jam faris : rifuĝejon serĉi kaj kun humileco kaŝi min antaŭ la Diaj mirindaĵoj.

Proksime de la loko kie mi estis, staris farmdomo, vere sola sur la erikejo, sed, kiel oazo en la dezerto, ĉirkaŭita per verdaj kampoj kaj freŝaj arboj.

Apenaŭ la pluvo ekfalis el la ĉielo kiel dua superakvigo, kiam mi eniris en la farmdomon kaj demandis permeson rifuĝi min sub ĝian tegmenton. Tie mi trovis ĉiun en la plej granda silento preĝante ĉirkaŭ benita vakskandelo. Sole la farmisto lasis sin distri pro mia alveno, kaj montris al mi, kun aminda rideto, seĝon, post kio li ree klinis la kapon kaj kunigis la manojn.

Mi ne scias, sed kvankam la fulmotondro, kiel utila naturfenomeno, al mi la misteran timegon ne inspiris, kiu tremigis tiujn personojn, ĝi estis tiel bela, tiel impresiga kaj tiel ĉiela, la silenta preĝo de la familio, ke nerezistebla sentado min devigis partopreni en la komuneco de ĉi tiuj homoj kun la Dio, kies voĉo tiel alta, tiel timinda tra la spaco resonis. Kun neŝirmita kapo mi kunigis same la manojn, kaj mi preĝis. Ĝi faris tiel bone al mia animo, tie retrovi la infanan salton de mia koro, kvazaŭ la elspiraĵo de la malsorĉanta mondo min neniam estus trafinta !

(El La Rekruto) H. Conscience.

Tradukis K. A. Cassiers.

xxxx

# Belglando dum 1848

de H. CONSCIENCE

Sanga nombro aperas sur la horplato de la tempo : 1848 estas tie !

El la Sudo, el la Oriento, el la Nordo alvenas malhelaj nubmontaroj ; la suno de la civilizado malheliĝas ; la popoloj, pro timo mutigitaj, rigardadas kun mallarĝiĝinta brusto la proksimiĝantan uraganon.,.

La malhela impresigaĵo subite malfermas sian gravedan ventron... Nemezurebla tondro tien kaj reen rulas siajn terurajn sonegojn, super la tremanta Eŭropo.

Kia nekomprenebla furiozo ekkaptis la erarantan homaron ? La traboranta plumbo, la premeganta fero ĉien kriegante flugas en la fulmtondromallumo, kaj frakasas milojn da vivoj ; sur la sanktan seĝon de Petro mem akrigas sin la ponardo ; la sango torente fluas ; fajrokolonoj leviĝas ; tronoj renverse falas ; reĝoj forkuras... Kaj el la funebra kaoso de la liberrompitaj pasioj altiĝas juĝo en la altecon : nekalkuleblaj amasoj krias ĉiele :

« La reĝoj de la tero malaperos en maron de sango ! »

Sed meze de la uragano, meze de la mizeregkriegoj de la tuta mondo, mi vidas Belglandan tronon, fortika kiel roko, sur la popolamo konstruita.

Reĝo, kun kvieta lumo de la saĝeco sur la nobela frunto ; reĝino, sanktulino, kiu siajn tri reĝajn infanojn kun timo ĉe sia patrinbrusto premas ; ĉar ŝi, la bonema, la karitema, ŝi scias ke la fulmbrilo de la popolfuriozo el la profundeco altiĝas kaj prefere trafas la kapojn, kiuj per krono estas ĉirkaŭitaj...

La horo estas solena ; la sovaĝa amaso de la sudo minacas neniigi niajn landlimojn ; ĝi volas ĉi tie plenumi la sangan sentencon kontraŭ la saĝa reĝo de la Okcidento...

Grandioza spektaklo ! La griza reĝo prenas sian kronon, li prenas ankaŭ la kronon de la bona reĝino ; ĉi tiujn signojn de la forteco kaj de la potenco li metas kun dolĉa rideto antaŭ siajn piedojn, kaj parolas al la aŭskultanta popolo :

» Belgoj, miaj karitemaj infanoj, vi devas esti dankataj pro via alligiteco ! La tempo povas esti venanta, ke mia ĉeesto vin endanĝerigus de batalo de la ekstero, de sangaj disputoj de la interno. Nu, mi volas pruvi al vi, kiom mi amas vin. Mi forprenas de la fama ido de la Orleans'oj la kronon tiel glore portitan ; mi senheredigas miajn karajn infanojn..., por Belglandon, mian karegan Belglandon, konservi kontraŭ eksciteco kaj malfeliĉo : la solan rekompencon kiun mi petas pro tiu ĉi ofero, estas ke Dio al ni permesu, vidi vin feliĉaj... »

Ho, amikoj, vi tion scias ankoraŭ, kian respondon la dankema Belglando faris al la parolado de la reĝo.

La tuta lando kunkuris al Bruselo antaŭ la reĝa palaco, kiam Leopoldo, pro ripetaj amokrioj invitita, en la mezon de la popolo

kaj de la civitgvardistoj alvenis ; altiĝis tiel granda aklamo, tiel tondra triumfkrio el la mezo de la nekalkuleblaj amasoj, ke la giganta eĥo tremigis la teron de la ĉefurbo. La popolo kvazaŭ freneza pro amo kaj pro respekto, rompis la reĝan sekvantaron... ĝi volis havis sian reĝon, tute sola, sen gvardo, sen defendo... Kaj nenian alian esprimon trovante por sia entuziasmo, ĝi altlevigis preskaŭ la kaleŝegon de Leopoldo, kaj triumfe kondukis ĝin ĝis la palaco de la dukoj de Brabanto.

Tie, sur la balkono, staras reĝino, patrino kun siaj tri nobelaj infanoj.

Si verŝas larmojn de konfuzo ; la popolo vidas ĝin ; pli longa triumfkrio, pli forta dankaklamo eksaltas el ĉiuj brustoj al ŝi, la bonfarema reĝino !

Super tuta Eŭropo pendas bruiganta tondro de malamo kaj venĝemo, de ĝemado kaj mizeregkriado.... super Belglando sonas sola potenca kriego... kriego de la amo.

Estas tiel bele, tiel grandioze, ke de tio la sola memoro la nervojn agitas kaj la koron febre batigas.

El la verko «Redevoeringen»

Tradukis K. A. CASSIERS.

---

# LA PERFIDULO

de H. CONSCIENCE.

Kiel vera Brugano Breydel ne amis la Gentanojn. La du ĉefaj urboj de Flandrujo estis de sia naskiĝo ĉiam en malkonsento ; ne pro tio ke unu havis pli kuraĝajn virojn ol la alia, sed tial ke ili, ambaŭ estante ĵaluzaj, penadis rabi kaj tiri al si la komercon de la alia. Hodiaŭ ankoraŭ ekzistas tiu malamo inter la enloĝantoj de Gento kaj Brugo ; tiel malfacile estas, de la komuna popolo forrabi ĝian heredan karakteron, ke tiu sento de ĵaluzo, malgraŭ ĉiuj revolucioj, daŭradis ĝis la nunaj tagoj.

Tiamaniere Breydel daŭrigis diskuti kun siaj kamaradoj ; multe da insultegaj paroloj estis elparolitaj kontraŭ la Gentanoj, ĝis kiam, finiginte ĉi tiun diskuton, ili denove komencis la interparoladon pri alia temo. Subite fremda bruo vekis ilian atenton, ili aŭdis je kelkaj paŝoj malantaŭ la tendo disputon, kvazaŭ du viroj batalis. Ĉiuj stariĝis, por vidi kio okazis ; sed antaŭ ol ili povis forlasi la tendon, Macekliero (1), kiu gardostaris, venis kun alia persono, kiun li perforte antaŭentiris, ĉe lin.

« Mastro ». diris li, dum li la fremdulon puŝis en la tendon, « mi trovis tiun ĉi paroliston (2) malantaŭ la tendaro ; li aŭskultis ĉe ĉiuj tendoj, kaj ŝteliris kiel vulpo per mallaŭtaj paŝoj tra la

---

(1) Macekliero : tiel oni nomis la buĉiston en Brugo.

(2) Parolisto aŭ menestrelo = Poeto aŭ versisto malnova.

mallumo. Longtempe mi sekvis kaj spionis lin. Certe li kaŝas ian perfidon, ĉar vidu kiel la fripono tremas ».

La viro, kiun li enkondukis en la tendon, estis vestita per bluo jako antikva, — kufo kun plumo sur la kapo. Longa barbo kovris la duonon de lia vizaĝo, en la maldekstra mano li tenis malgrandan kordinstrumenton, kiu bone similis harpon, kaj ŝajne volis ludi arion sur ĝi por la amikaro. Li tremegis pro timo, kaj lia mieno estis pala, kvazaŭ la vivo forlasus lin. Estis videble, ke li volis eviti la rigardon de Jan Breydel ; ĉar li deturnis la kapon al la alia flanko, por ke la ĉefo (1) ne vidu liajn trajtojn.

« Kion vi faras en la armeo ? » ekkriis Breydel. » Kial vi aŭskultas ĉe la tendoj ? Respondu rapide ! »

La kantisto respondis en lingvo, kiu similetis la germanan, kaj igis supozi ke li ie en alia parto de la lando loĝadis.

« Mastro, mi venas de Luksemburgo, kaj alportis komision al sinjoro de Lonchyn en Kortrejko. Oni diris al mi, ke unu el miaj fratoj estas en la armeo, kaj mi venis por serĉi lin. Mi ektimis, ĉar la gardostaranto rigardis min kiel spionon, sed mi esperas, ke vi ne malbonon al mi faros. »

Breydel, kiu sentis kompaton por la poeto, resendis la gardostaranton, kaj montrante seĝon al la fremdulo, li diris :

« Vi devas esti laca pro tia vojaĝo longa. Jen, mia bela parolisto, sidiĝu. Trinku, tiu pokalo estas la via. Vi kantos al ni kelke da kantoj, kaj ni verŝos por vi. Kuraĝu, vi estas inter bonaj personoj. »

« Pardonu min, mastro, » respondis la kantisto, « mi ne povas tie ĉi resti, ĉar sinjoro de Lonchyn atendas min. Mi pensas ke vi ne kontraŭstaros la deziron de tiu nobla kavaliro retenante min pli longe. »

« Li devas kanti ! » ekkriis la buĉistoj. » Li ne foriru, antaŭ ol li kantis kanton ! »

« Rapidu, » ordonis Breydel, « kiam vi ne volas doni al ni la plezuron aŭdi kelkajn kantojn, tiam mi vin retenas ĉi tie ĝis morgaŭ. Se vi estus komencinta kun bona volo, vi jam estus fininta. Kantu, mi vin ordonas ! »

La sufokeco de la poeto plimultiĝis je tiu trudanta ordono ; pene li povis teni la harpon en la mano, ĉar li tiele tremis, ke la kordoj de la muzikilo, tuŝante liajn vestaĵojn, donis brueton kaj sendis kelke da dubeblaj sonoj en la orelon de la buĉistoj. Ĉi tio pligrandigis ilian emon ankoraŭ plimulte.

« Ĉu vi volas ludi aŭ kanti ! » ekkriis Breydel, « ĉar kiam vi ne rapidas, tiam io malagrabla okazos al vi. »

La kantisto, ege timigita, almetis siajn tremantajn fingrojn sur la harpon, kaj aŭdigis nur falsajn kaj konfuzajn sonojn el la muzikilo. La buĉistoj rimarkis sendube, ke li ne povis ludi sur ĝi.

« Li estas spiono ! » ekkriis Breydel. « Senvestigu lin kaj esploru, ĉu li ne havas perfidaĵon sur si. »

(1) Ĉefo aŭ korporaciestro.

Post momento la supraj vestaĵoj estis fortiritaj de lia korpo; kaj kvankam li petegis pardonon, li estis puŝata de la unu flanko al la alia dum tiu furioza esplorado.

« Jen, jen mi havas ĝin! » ekkriis buĉisto, kiu enigis sian manon inter la brustvesto, sur la bruston de la nekonatulo. « Jen estas la perfidaĵo! »

Eliginte sian manon el la brustvesto, li montris folion de pergameno, kiu estis faldita tri-aŭ kvaroble, kaj sur kiu pendis sigelo, kiu pro la rompiĝo estis ĉirkaŭligita per lino La poeto estis muta, kvazaŭ li vidis la morton antaŭ si; li grumblis kelkajn vortojn nekompreneblajn, kiuj ne estis aŭditaj de la buĉistoj, dum li timege rigardis la ĉefon.

Jan Breydel prenis la pergamenon, kaj ĝin malfaldinte, li restis longan tempon rigardante ĝin, neniom komprenante. En tiuj tempoj estis krom la religiuloj malmulte da personoj kiuj povis legi; eĉ la nobeloj plejparte vivadis en la plej granda nescio.

« Kio estas tio, fripono ke vi estas? » ekkriis Breydel.

« Ĝi estas letero de sinjoro de Lonchyn... » balbutis la falsa poeto kun rompiĝantaj vortoj.

« Atendu! » rediris la ĉefo, » mi ĝin tuj vidos. »

Li prenis sian kructranĉilon (1) kaj fortranĉis la linon de la sigelo. La liliojn, la blazonon de Francujo vidinte, li saltis furioze antaŭen kaj ekprenis la nekonatulon je la barbo. Lin balancante tien kaj reen, li ekkriis:

« Ĝi estas letero de sinjoro de Lonchyn, vi perfidulo! Ne, ĝi estas letero de la kastelmastro de Lenso, kaj vi estas spiono. Vi mortos maldolĉan morton, fripono! »

Dirante tion ĉi, li tiris kun tia perforto je la barbo de l' spiono, ke la rubandoj, kun kiuj li ligis ĝin je sia kapo, sin malligis; kaj tiam Breydel rekonis lian vizaĝon. Li puŝis lin kun tiom da kolero malantaŭen ke li falis kontraŭ unu el la kolonoj de la tendo.

» Ho, Brakels! Brakels, via lasta horo venis! » ekkriis Breydel kvazaŭ timigita de tiu vidaĵo.

La maljuna Macekliero. kiun oni mokis pro liaj malbonaj dentoj, saltis sur Brakels, kaj ekpreninte lin per la manoj je la gorĝo, li premis lin tiel forte kontraŭ la kolonon, ĉe kiu Breydel lin ĵetis, ke la okuloj de la suferanto turnis en lia kapo; ĉar dum la premadoj de la Macekliero la perfidulo ne plu povis spiri. Li estus baldaŭ sufokinta, se la movo, kiun li faris por liberiĝi, lin ne estus permesanta de temp' al tempo senŝarĝigi sian sufokitan bruston.

La kriado de la buĉisto vekis popolamason, kiu alkuris el ĉiuj tendoj, unu sen jako, alia sen brustvesto. Post kiam ili eksciis

(1) Mallonga ponardo akrigita ĉe du flankoj kaj havanta ĉe la tenilo oblikvan stangeton, kiu ĝin similigis al kruco.

la kialon de la bruado, ili komencis furiozege krii por havi la korpon de Brakels.

« Donu lin al ni ! » ekkriis ili, « lian sangon ! lian korpon ! »

Breydel ekprenis la maljunan Maceklieron je la ŝultroj kaj fortiris lin de Brakels, kriante :

» Ne malpurigu vin per la sango de la perfidulo ! Li estas tro malestiminda ; se ne li jam estus mortigita de miaj manoj. »

« Ne ! » kriis la Macekliero, levante sian hakilon, « mi ne volas min amuzi je tiu ĉi ludo. Oni gajnas lokon en la ĉielo, kiam oni batmortigas landperfidulon. Lasu min fari, mi petas vin, pro Dia volo, nur uku hakon ! »

Brakels estis surgenuiĝinta je tero kaj petegis pardonon kun kunefalditaj manoj ; li rampis al la ĉefo kaj ĝemis :

« Ho, mastro, kompatu min... Mi fidele servos la patrujon... Ne mortigu min ! »

Breydel rigardis lin furioze kaj malestime, kaj metante la piedon en lian flankon, li piedfrapis lin subite al alia flanko de la tendo. — Dume la buĉistoj havis la plej grandan penon por ekstere teni la mil virojn, kiuj plene je venĝemo kriadis ĉirkaŭ la tendo.

« Donu lin al ni ! » kriis la furioza popolaro. « En la fajron, en la fajron ! »

« Mi ne volas, » diris Breydel kun trudanta rigardo al siaj viroj, » ke la sango de tiu vipero tuŝu viajn hakilojn. -- Oni donu lin al la popolo. »

Apenaŭ ĉi tiu ordono eliris lian buŝon, kiam viro venis el la popolo, kiu jetis sufokilon ĉirkaŭ la kolon de Brakels ; poste, multcentope prenante ĝian ekstremaĵon, ili tiris la perfidulon dorsen kaj trenis lin el la tendo. Liaj timegaj krioj kunfandis kun la entuziasma kriado de la popolamaso. Poste, treninte lin ĉirkaŭ la tendaro ili venis, ĉiam kriegante, ĉe la fajron kaj tiris lin kvar aŭ kvinfoje tute tra ĝi, ĝis la karberoj igas lin nekonebla. Poste, reprenante denove sian kuradon, ili malaperis en la mallumon. Longtempe ankoraŭ oni aŭdis iliajn kriojn en la malproksimo, kaj longtempe ankoraŭ ili turmentis la kadavron de la perfidulo, ĝis ĝi unu horon pli malfrue pendis kiel ekzemplo ĉe pendigilo apud la fajro.

El la Verko
De Leeuw van Vlaanderen.

Tradukis JUL. JACOBS.

# LA ŜIPETO

*Unuakta Dramo*

ORIGINALE VERKIS EN HOLANDA LINGVO

**J. DEVOS**

ESPERANTIGIS

**Alfons VAN DE VELDE**

*(Daŭrigo)*

SCHOLTEN. — Ĉu eble vi forhakis, tiun ĉi matenon, iom mallerte la koleton de botelo, de tiu, jen ? La doktoro min rakontis ĵus, ke li eltranĉis hodiaŭ matene el via mano, grandan botelpecon. Ĉu vi kuraĝas diri, ke ne estas vere ?

GEERT. — Fripono !

HANNES. — Pardonu. Mi skribis la bileton, sed mi kompencos ĉion.

SCHOLTEN. — Krimulo. Iru kaj rakontu nun en la vilaĝo ke Elsje havas infanon sed faru tion antaŭ ol la policestro venas por aresti vin. Mi portos la bileton kaj la botelon al la urbestro. Ĉu vi komprenas ? Tion vi ne devos fari !

HANNES. — Pardonon, Majstro, Ne denoncu min, ne liveru min, al la polico. Mi kompencos ĉion.

SCHOLTEN. — Vi silentos, Hannes. Se mi, de iu ajn, ekaŭdas ion pri la infano, vi elpagos tion en la malliberejo. Atentu, la bileton kaj botelon mi konservos.

HANNES. (*irante al Geert*) — Pardonu. Ne denoncu min. Mi kompencos ĉion.

GEERT. (*montrante la pordon*) Foriru !

(*Hannes foriras tra la meza pordo*)

## SCENO DEKUNUA

GEERT. — SCHOLTEN. — poste, KLAARTJE

GEERT. — (*faligas sin sur seĝon*). — Majstro, nun mi volas iom da akvo.

SCHOLTEN. — Jen, trinku nur.

GEERT. — (*Kvietiĝinta*) — Mi dankas, Majstro (*traita de ideo*) Ho Dio, la infano ! (*for en la maldekstran ĉambron*).

SCHOLTEN. — Mi ne estas bona vartistino, sed ĉu mi povas tamen helpi ?

GEERT. — (*en la ĉambro*). Mi dankas, Majstro, ŝi kuŝas nedormante, kaj ridetas.

SCHOLTEN. — Kiel malbonaj homoj estas do en la mondo. Se ne estus pro Elsje, Hannes estus arestita. Oni devas liberigi la socion de tiuspeciaj homoj.

(*Oni aŭdas la butikan sonorileton*)
(*Geert malfermas maldekstran pordon*)

SCHOLTEN. — Jen, mi vidos.

KLAARTJE, (*en la butiko*) Majstro!

SCHOLTEN. — (*al Geert*) Estas por mi. Restu nur. Eniru Klaartje. Kio estas?

KLAARTJE. — Majstro, jen letero por vi. La majstrino supozas ke estas urĝe, tial mi alportas ĝin. Mi petas. — (*transdonas al li grandan leteron*).

SCHOLTEN. — Kio estas tio? El Hago? De l' ministrejo!

» Ni havas la honoron sciigi al vi ke en nia Departemento
» ni ricevis avizon de nia konsulo en Nagasaki komunikante ke
» nia tiea konsulo, per vaporŝipo.... (*fikse rigardas*) tion mi ne
» povas legi.

» .... Al Jaap Barendse, de la pereinta fregato « Adriana »
» donis la okazon reveturi al Holando.

» Ĉi tio kiel sekvo al viaj diversaj petoskriboj,
» por la Ministro:
» La Ĝenerala sekretario »

(*fikse rigardas*). Tiu nomo estas nelegebla.

Dio mia, sed li vivas, kaj li venas tien ĉi. Kaj Barend? (*rigardas en la leteron*). Ne, pri li, nenio... certe li pereis. Estas preskaŭ nekredebla. Tamen estas jen!! Jen estas!.... Estas lia nomo, kia ĝojo! De kia dato estas la letero?

La 9an de Septembro, kaj hodiaŭ estas la dekoka. Kiom rapidaj la oficistoj estis; (*rigardante en la leteron*) kaj per vaporŝipo! sed tiam eble li jam estas tie ĉi, li povas veni ĉiumomente! Kion fari? Kion fari?

KLAARTJE. — Cu okazis io, Majstro?

SCHOLTEN. — Ĉu vi ankoraŭ estas tie ĉi? Ne, infano, nenio. Diru al via fratino Tryntje, ke tiun ĉi vesperon, mi donos al ŝi botelon da vino, por plifortiĝi, ĉu vi komprenas?

KLAARTJE. — Botelon da vino, Majstro? Mi rapidas por rakonti tion al patrino. Bonan tagon, Majstro.

(*for, tra la meza pordo*).

SCHOLTEN. — Kion mi nun devas fari? Kion nun ekfari? (*oni aŭdas butikan sonorileton. Gys envenas, Geert venas ĉe maldekstra pordo*).

## SCENO DEKDUA.

SCHOLTEN. — GYS. — GEERT.

GYS. — Bonan tagon Majstro, najbarino, mi venas por diri vin adiaŭ, se mi havas nur la dokumenton de la majstro, mi foriros tuj.

SCHOLTEN. — Estas ne necese... mi volas diri... mi devas antaŭe paroli kun vi, sola.

(*Daŭrigota*)

## ◆◆ HOTELO GANDA 

KAFEJO - RESTORACIO

Brabantdam, 17 - 19 - 21, Vlaanderenstraat, 48, GENT

TELEFONO 1050

Plej novaj instalaĵoj unuarangaj.

TRE KOMFORTAJ ĈAMBROJ DE FR. 3.00

Tagmanĝoj kaj vespermanĝoj je fiksaj prezoj kaj je la karto.

Pensiono. — Prizorgita kuirejo.

Posedanto **G. STENGER** 31

---

## HORLOĜOJ — ĴUVELOJ

# LOUIS BOON

Groenplaats, 17. — Antwerpen

Treege Rekomendita Firmo 27

---

# "CONSTANTIA,,

ASEKUROJ PRI LA VIVO

KAJ PRI FORMADO DE KAPITALOJ

*Anonimaj Societoj sub la Ŝtatkontrolo en Francujo.*

SIDEJO :

**Maria-Theresialei, 1 & 3, ANTWERPEN**

SPECIALA SIDEJO :

**Place Sébastopol, 27, LILLE (Francujo)**

Asekuroj pri la vivo kaj ŝpartitoloj kun garantiita trimonataj repagoj, je semajn — kaj monatpagoj.

AGENTOJ RICEVAS TRE FAVORAJN KONDIĈOJN




ANTWERPEN

32-34, Van Dyckstraat

apud la Parko

—o—

Veraj Orientaj

Tapetoj

*La deveno de ĉiuj komercajoj*
*estas garantiata.*
*Oni fabrikas laŭ mezuro kaj skizo.*

33

**Aĉetado kaj Vendado de okazaĵajlibroj**

**JOS. SOLY**

LIBRISTO

*11, SINT JORISPOORTSTRAAT,*

ANTWERPEN

48